**detekt-i** (el.) gleichrichten; **--ilo** Detektor
**devalv(aci)-o** Devalvation, Abwertung der Währung
**devot-a** devot, ergeben, unterwürfig, gefügig
**(diabaz-o)** (min.) Diabas, Grünstein, a. **diabaso**
**diabet-o** (path.) Diabetes, (meist) Zuckerharnruhr
**diabol-o** (sp.) Diabolospiel
**diagnoz-o** (med.) Feststellung der Krankheit
**diagonal-o** (geom.) Diagonale, Winkelverbindungslinie; (sp.) Schräglinie
**diakil(oz)-o** (med.) erweichendes Pflaster
**diaklaz-o** (geol.) Verwerfung
**dialektik-o** Diskussionskunst, Methode zur Wahrheitsfindung; **materialisma --o** Wiss. v. d. allg. Bewegungs- und Entwicklungsgesetzen in Natur, Gesellschaft und menschl. Denken
**diamagnet-a** s. magneta
**diastol-o** (med.) Herzerweiterung beim Schlagen
**diaterm-a** (fiz.) diatherm, durchlässig für Wärmestrahlen
**diatermi-o** (med.) Behandlung mit hochfrequenten Wechselströmen
**diatome-oj** Diatomeen; **--a tero** Kieselgur
**diboĉ-i** ausschweifen, schwelgen, liederlich leben
**did-o** Dodo, Dronte (bird. Didus)
**didelf-o** Beutelratte (Didelphus)
**diferenc-i** sich unterscheiden, anders sein
**difuz-i** (opt.) sich zerstreuen; **--a lumo** zerstreutes Licht
**digest-i** verdauen
**digitalin-o** Digitalin (Gift aus Digitalis)
**dign-o** Würde
**dikfoliac-oj** Dickblattgewächse (Crassulaceae)
**diklina floro** (bot.) ein- o. getrenntgeschlechtliche Blüte, Ggs. **monoklina**
**dikt-i** diktieren; **--afono** Diktaphon, Diktiermaschine (spec. de magnetofono)
**diktamn-o** Diptam, Brennender Busch (bot. Dictamnus) a. **„brularbedo“**
**dilat-i** (tr.) ausdehnen, größer machen; **--iĝi** sich a...n; **--eblo** Dehnbarkeit
**diliĝenc-o** (hist.) Eilpost, Diligence
**diluvi-o** (geol.) Diluvium 1. Eiszeit 2. Schwemmland
**diminutiv-o** (gr.) Diminutiv, Verkleinerungssilbe (-et)
**dimorf-a** (bot.-min.) zweigestaltig
**din-o** Dyn, Maßeinheit der Beschleunigung; **mega--o** Megadyn
**dinamik-o** Dynamik, Lehre von der Bewegung der Körper
**dinamism-o** Dynamismus, Lehre von den Kräften; **--a** kraftvoll
**dinamit-o** Dynamit
**dinamometr-o** (el.) Kraftmesser
**dinar-o** Dinar, Münze verschiedener Länder

**cikloid-o** (geom.) Zyklide, Radkurve
**ciklotron-o** (el.) Cyclotron, Beschleuniger von Protonen
**cikut-o** Wasserschierling (bot. Cicuta)
**cili-oj** (bot.-zoo.) Zylien, Wimpern, Flimmerhaare; **--filiko** Wimpernfarn (Woodsia)
**cilindr-o** Zylinder
**cimbal-o** (muz.) Zimbel, Schlagbecken
**cimbr-o** (ethn.) Kymber, Walliser
**ciment-o** (erstarrter) Zement u. ... der Zähne, kp. **cemento**
**cindr-o** Asche; **--omerkredo** Aschermittwoch; **--igejo = kremacio, -ejo**
**cinkl-o** Bach-, Wasser- o. Seeamsel (bird. Cinclus merula)
**cipres-o** Zypresse (bot. Chamaecyparis)
**ciprino = karpo** Karpfen (Cyprinus carpio)
**cir-o** (Schuh-) Wichse
**cirkaet-o** Schlangenbussard, -adler (bird. Circaëtus)
**cirkul-i** (biol., tek.) zirkulieren, kreisen. umlaufen; im Umlauf o. Verkehr sein
**cirkuler-o** Zirkular, Rundschreiben
**cirkumcid-i** (rel.) beschneiden
**cirkumfleks-o** dachförm. Überzeichen, Zirkumflex
**cirus-o** Zirrus-, Federwolken, dz. **cirostratoj, cirokumuloj** k. **ĉevalvostaj nuboj**
**cis-** diesseits, (Ggs.: trans) **--rivera** diesseits d. Flusses, **--alpina** ... d. Alpen
**cist-o** 1. Zistrose, Felsen-, Sonnenröschen (bot. Cistus) 2. (anat,-med.) Balggeschwulst, Kyste, Blase a. **kisto**
**cit-i** 1. zitieren, wörtlich anführen 2. (etw.) erwähnen
**citron-o** Zitrone
**cizel-i** ziselieren, zierlich ausschneiden, ausstechen, ausmeiseln
**cug-o** Hemlocks- o. Schierlingstanne (bot. Tsuga)

# Ĉ

**ĉagren-i** (iun) (jmd.) ärgern, betrüben, verdrießen
**ĉaled-o** Sennhütte, kleine Schutzhütte
**ĉambelan-o** Kammerherr
**ĉambr-o** Zimmer; **--otilio** ...linde (bot. Sparmannia)
**ĉampion-o** Bester in einer Sportart, Champion
**ĉapel-o** Hut; dz. **felt--o, mola --o, refalda --o, cilindro--o, rigida --o** Filz-, weicher, Klapp-, Zylinder-, steifer --o; (tek.) **--o de lagro** Lagerdeckel
**ĉarpent-i** zimmern
**ĉart-o** (pol.) Charta, Grundgesetz, Verfassungsurkunde
**ĉas-i** jagen; **--falko** Jagd- o. Gerfalk (bird. Hierofalco rusticolus)

**ĉel-o** Zelle 1. kleiner abgeschlossener Raum 2. (biol.) ... der Pflanzen und Tiere
**ĉen-o** Kette
**ĉiel-o** Himmel
**ĉifĉaf-o** Zipzalp, Laubsänger (bird. Phylloscopus collybita)
**ĉifr-o** Chiffer, Geheimzeichen
**(ĉik-a)** = ŝika
**ĉimozin-o** (biol.) Chymosin, Labferment
**ĉimpans-o** Schimpanse (zoo. Simia troglodytes)
**ĉin-o** Chinese; **--a junipero** Chinawacholder (Juniperus chinensis)
**ĉinĉil-o** Haselmaus (Chinchilla)
**ĉips-o** Schnitzel; **terpomaj --o** Kartoffel...
**ĉir-o** Ranke, Cirrhus
**ĉit !** scht! (Schweigen heischende Interjektion)
**ĉizum-i** (Metall) treiben
**ĉur-o** (menschlicher) Same

# D

**dafn-o** Seidelbast (bot. Daphne); **laŭro--o** Lorbeerbaum (D. laureola)
**dafni-o** = **akvopulo,** Wasserfloh
**daim-o** (hist.) Daimio, altjapan. Lehnsfürst
**daltonism-o** Daltonismus, Rot-Grün-Blindheit
**damar-o** Dammarafichte (bot. Agathis), a. (agatiso); **--ogumo** Dammaraharz
**damasken-i** Metall-Einlegearbeiten machen. damaszieren
**dama-o, a. damcervo** Damhirsch (zoo. Cervus dama)
**damokl-a glavo** Damoklesschwert, immer drohende Gefahr
**damp-i** (muz.) dämpfen, abschwächen; **--ilo** Dämpfer, kp **obtuzilo**
**danc-i** tanzen
**dand-o** Geck, Modenarr; **--ino** Mode- o. Zierpuppe
**danĝer-o** Gefahr
**dank-i** danken, verdanken
**dartr-o** (path.) Flechte, kp. **likeno**
**dat-o** Datum; **--umi** herstammen aus der Zeit v.
**datur-o** Stechapfel (bot. Datura stramonium); --baum **--arbo** (D. arborea)
**daŭr-i** (an)dauern
**davit-o** (mar.) Davit, Schwenkkran für Boote
**debat-o** Debatte, Meinungsaustausch
**debil-a** debil, (körperl., geistig) schwächlich
**debit-o** Umsatz, Absatz, Warenvertrieb, Debit

**debord-i** (mar.) in See stechen, auslaufen
**dec-i** sich ziemen, schicken
**decidu-a** (bot.) mickrig; (med.) hinfällig, schwach
**defend-i** verteidigen, schützen
**degn-i** geruhen, die Güte haben
**deism-o** Deismus, kp. **panteismo**
**dej-o** (hist.) 1. Dey. kommandierender Offizier der Janitscharenmiliz 2. türkischer Befehlshaber
**dejor-i** Dienst haben (o. tun)
**dekapod-oj** (zoo.) Zehnfüßler a. **dekpieduloj**
**deklar-i** verkünden, (amtlich o. feierlich) erklären
**deklinaci-o** (gr.) Deklination
**dekolt-i** (Kleid am Hals) weit ausschneiden
**dekoraci-o** Dekoration
**dekret-o** Erlaß, Verfügung, Verordnung
**delikv-i** zerfließen, (ch.) sich auflösen
**deltoid-o** 1. Delta- o. Dreiecksmuskel am Oberarm 2. (geom.) Deltoid
**demenc-o** (med.) Schwachsinn, Blödsinn, **frua a. senila --o**
**demimond-o** Halbwelt
**demonstr-i** anschaulich darstellen, beweisen
**denar-o** Denar 1. altröm. Silbermünze 2. ehemal. französ. Gewicht (1,275 g) 3. internationale Maßeinheit für Nylonfäden
**denaturig-i** denaturieren 1. Alkohol durch Vergällen ungenießbar machen 2. Eiweißstoffe zum Gerinnen bringen
**dendrit-o** Dendrit 1. baumart. Verzweigung der Nervenenden 2. verzweigte Metallspuren in Gesteinen
**dent-o** Zahn; dz. **tranĉ--o** a. **incizivo** Schneide-, **kojn--o a. kanino** Eckzahn, **muel--o a. molaro** Backen-, **prim--o** Milch-, **daŭro--o** Dauerzahn; (tek.) **--izi** zähnen; **--umita** (bot) gezähnt; **--ostango** ...radstange; **--alo** (fon.) Zahnlaut
**deodar-o** Himalajazeder (bot. Pinus deodara)
**depon-i** hinterlegen, in Verwahrung geben
**deport-i** deportieren, in ein anderes Land verweisen; **--ito** Verbannter; **--ado** Zwangsverschickung, kp. **eksporti**
**depresi-o** Depression 1. schlechter Geschäftsgang 2. (met.) Gebiet schwachen Luftdruckes
**derm-o** (Unter-) Haut, **--ito** Dermatitis, Hautentzündung
**derviŝ-o** Derwisch, oriental. Bettelmönch
**descend-i** = malsupreniri
**desfil-i** (mil.) vor feindl. Feuer schützen, **--i sin** in Deckung gehen
**destil-i** destillieren 1. Flüssigkeiten von nicht verdampfenden Stoffen befreien 2. Branntwein bereiten; **--atoro** Destillator
**destrojer-o** (mar.) Zerstörer
**detal-o** Einzelheit

(Fortsetzung von Seite 14) 

**Brüder / gleiche ..., gleiche Kappen** sama gento, sama sento; **...schaft trinken** trinki je interfratiĝo;
**Brüh/e / die ...e ist teurer als das Fleisch** pli kostas la sako ol tuta pako; tro kara arango por malkara tagmanĝo; ne valoras la faro la koston de l'preparo; la ludo kandelon ne valoras; la felo tanadon ne valoras; ne valoras la akiro eĉ la penon de l'deziro; **...warm weitererzählen** rerakonti; disbabili ion tutfreŝan;
**Brust / in die ... werfen** paradi; ŝveladi; **die ... geben** mamnutri;
**Buch / wie es im ...e steht** modela; tipa; tute prefekta; ĉiuj akcesoraĵoj; plenbrile;
**Bude / j—n auf die ... rücken** elbati ies sojlon;
**Bund / einen ... schließen** sin asocii kun; fari aliancon kun;
**bündig / kurz und ...** lakonika;
**bunt / das ist doch zu ...** tio transiras la limojn; **in ...er Reihe** en vico laŭhazarda;
**Busch / auf den ... klopfen** sondi la terenon; **sich in die Büsche schlagen** sin flanken malaperigi;

# D

**da / bis ...hinaus** ĝis supersateco; ĝis ekstremo; **so etwas war noch nicht** ... io tia ne ekzistis; io tia ne jam okazis; **wer ...?** kiu iras?; **von ... an** de tiam; **hier und ...** (t)ie kaj (t)ie;
**dabei / was ist denn ...?** kio riproĉinda do estas en tio?; **es bleibt ...** tiel restas;
**Dach / ein Haus unter ... bringen** kovri domon; meti tegmenton sur; **unter ... und Fach kommen** trovi azilon (ŝirmejon); **unter einem ...e** en la sama domo;
**dafür / ich bürge ..., daß** mi garantias, ke; **ich bin ...** mi konsentas; mia opinio estas, ke; **er kann nichts ...** li ne estas kulpa; **nach meinem ...halten** laŭ mia opinio;
**dagegen / ich bin ...** mi kontraŭas; **ich habe nichts ...** mi ne kontraŭdiras;
**daheim / ich bin für niemand ...** mi ne akceptos vizitantojn;
**dahin / sich ... äußern** paroli en la senco; **es ... bringen** atingi; **es steht ...** estas dube; estas necerte; **ich lasse es ...gestellt, ob** mi lasas nedecidita, ĉu;
**dahinter / da steckt er ...** li estas la inspiranto; **da steckt etwas ...** en tio estas io sekreta; **es könnte doch etwas ... sein** ĝi eble tamen estas konsiderinda; **ich werde schon ... kommen** mi eltrovos la kaŭzon (artifikon);
**damit / ... hat es folgende Bewandtnis** pri tio estas jene; **es ist nichts ...** estas nenio; **es ist aus ...** tio ĉesis; **her ...!** donu!;
**Damm / auf dem ... sein** esti malkaduka;
**dämmer/n / es ...t mir** mi ekkomprenetas (antaŭsentas)
**Dampf / Hans ... in allen Gassen** ĉieulo; ŝovas sian nazon en ĉiun vazon; li estas nenie semata, ĉie trovata;
**Dank / zu ... verpflichtet** ŝuldi dankon; **Gott sei ...!** dank' al Dio; **...barer Abnehmer** akceptema ricevanto;
**dann / ... und wann** iam kaj iam; de tempo al tempo; iufoje;
**daran / ich bin d(a)ran** estas mia vico; **es liegt mir viel ...** mi treege ŝatus! **übel ...sein** esti en malbona situacio;
**darauf / ... gebe ich nichts** tion mi opinias malgrava; mi ignoras tion; **da geht viel Zeit ...** oni perdas multan tempon per per tio; **wie kommst du ...?** kio igas vin pensi tion?; **kurz...** mallonge poste;
**daraus / ... wird nichts** tio ne sukcesos; **ich mache mir nichts ...** tion mi ignoras; tion mi ne ŝatas;
**darein / sich ... fügen** konsenti; **sich ... mischen** intermiksi sin;
**darin / ... irrst du** tiurilate vi eraras;
**darüber / mir geht nichts ...** nenion mi plimulte ŝatas;
**darunter / ... verstehe ich** tion mi komprenas tiel
**das / ... ist noch nicht ganz raus** tio havas ankoraŭ signon de demando; ĝi estas ankoraŭ vortoj de orakolo; la sigelo ankoraŭ ne estas metita; ĝi staras ankoraŭ malproksime en la kampo; la manĝota fiŝo estas ankoraŭ en la rivero; **... hängt noch in der Luft** tio estas ankoraŭ birdo sur la tegmento; ĝi estas ankoraŭ pasero en la aero; inter la mano ĝis la buŝo ofte disverŝiĝas la supo; ankoraŭ la ezoko ne estas sur la hoko; ĝi ne eliris ankoraŭ el malproksima nebulo; **... kommt wie gerufen** tio venas kvazaŭ vokita kaj petita; ĝi estsa tre bonvena;
**Dasein / ins ... treten** nask/iĝi; est...; viv... **Kampf ums ...** batalo por (pro) ekzistado;
**dasselbe / ... in grün** la sama afero, sed kun kapo al tero;
**dauer/n / das Geld ...t mich nicht** mi ne domaĝas (postploras) la monon; **sie ...t mich** mi kompatas ŝin;
**davon / was habe ich ...?** kion mi profitas (el tio)?; **ich will ... absehen, daß** mi volas flankelasi (ignori, neatenti), ke; **mit einem blauen Auge ...kommen** Elveni kun malgranda malprofito;

**dazu / ... kommt, daß** krome; **gehört der Garten ...?** ĉu la ĝardeno alapartenas? **wie komme ich denn ...?** kio min devigas al tio? **ich kam ... als ...** mi trafis lin ...;

**dazwischen / es ist etwas ... gekommen** ŝiriĝis fadeno sur la bobeno;

**Decke / unter einer ... stecken** sekreta kunlaboro; antaŭ-(inter-)aranĝi ion; sekrete interkonsenti; **man muß sich nach der ... strecken** vivu stomako laŭ stato de l'sako; **unter einer ... spielen** koluzii;

**Deckung / in ... gehen** serci ŝirmon;

**demzufolge / ... ist es so** laŭ aferoj estas tia;

**denken / kannst du dir das ...?** ĉu vi povas imagi tion?

**Detail / im ... verkaufen** vendi (debiti) pomalgrande;

**deutsch / auf gut ...gesagt** klare (nemiskompreneble) formulita;

**dick / ... tun mit etwas** paradi; fanfaroni; pavi; **etwas ... haben** havi suficege da; **durch ... und dünn** tra ĝojo kaj ploro (malĝojo); **er ist ein ...kopf** li estas obstina kiel kapro; lin tuŝas nek admono, nek ordono; **er setzt seinen ...kopf auf** li disstariĝas la harojn; li stariĝas obstine; li kontraŭstaras per ĉiuj fortoj;

**Dieb / sich ...isch freuen** ĝoji kiel sukcesa ŝtelinto;

**dien/en / damit ist mir nicht ge...t** tio ne utilas al mi; neniel sufiĉas al mi;

**Dienst / ... haben (tun)** deĵori; **in ... nehmen** dungi; **schon 70 Jahre und noch im ...** aktiva;

**dieses / am 3. ... Monats** la trian de l'nuna monato;

**Ding / ... der Unmöglichkeit** neeblaĵo; **jedes ... hat zwei Seiten** ĉio havas sian „sed" kaj „se"; ĉiu medalo du flankojn posedas; en ĉiu objekto troviĝas diefekto; **guter ...e sein** esti en bona humoro; **aller guten ...e sind drei** trio plaĉas al Dio; **vor allen ...** antaŭ ĉio; **krumme ...er drehen** aranĝi nerektajn aferojn;

**Donner / ... und Doria** fulmotondro;

**Dorf / das sind für mich böhmische Dörfer** tio estas por mi ĥina scienco (volapukaĵo);

**Dorn / ein ... im Auge** makulo en la okulo; osto en la gorĝo;

**dort / bis ... hinaus** ĝis supersateco; ĝis ekstremo;

**Drachen / sie ist ein ...** ŝi estas (anĝelo inter homoj, sed)) satano en la domo;

**dran / ich bin ...** estas mia vico;

**dräng/en / es ...t mich, Ihnen zu sagen** mi sentas min pelata, diri al vi;

**drauf / ... und dran sein** esti ... onta; **etwas ...gehen lassen** plenmane elspezi; ne ŝpari monon;

**Dreckfink / er ist ein ...** li estas malpurulo (cindrulo);

**dreh/en / worum ...t es sich?** pri kio estas la demando?;

**Drill / den letzten ... geben** finpoluro ion (iun);

**dringen / auf etwas ...** insisti pri; **...d nötig** necesega;

**drück/en / es ...t mir das Herz ab** tio premegas mian koron;

**drum / mit allem ... und dran** kun ĉiuj apartenaĵoj;

**drunter / ... und drüber** la kapon al tere; **es geht ... und drüber** esti kaosa;

**dumm / ... geboren und nichts dazu gelernt** kia naskiĝis, tia fariĝis; **... wie Bohnenstroh** li estas malsaĝa kiel ŝtipo; mankas klapo en lia kapo;

**Dummheit / mit der ... kämpfen Götter selbst vergebens** (kune) kun la stulto eĉ dioj batalas vane;

**dünn / ... gesät** maloft(eg)a; sporada;

**Dunst / keinen ... haben** havi nek scion nek supozon; **blauen ... vormachen** trompi; ŝuti polvon en ies okulojn; **blauen ... reden (vormachen)** kudri per fluganta-kudrilo; paroli rapide, senvide; superpinte nur tuŝinte; transsalte, senhalte;

**durch / ... und ... naß** tut(eg)e; ĝis la ostoj; **es geht mir ... und ...** tio traboras mian karnon; **j—n ... und ... kennen** koni iun ĝisfunde; **die Schuhe sind ...** ŝir-(tru-)iĝis; **... die Finger sehen** indulgi; **... die Nase sprechen** nazparoli; **das geht mir immer ... den Kopf** tio senĉese okupas mian cerbon;

**durchkommen / mit zehn Mark können Sie ...** dek markoj sufiĉas;

**Durchschnitt / im großen ...** laŭ maldetala meznombro;

**dürf/en / ...en wir eintreten?** ĉu ni havas permeson eniri?; **das ...en Sie ruhig glauben** tion vi senhezite kredu; **Sie ...en rauchen** estas permesite fumi; **wer ...te ihm die Wahrheit sagen?** kiu riskus diri al li la veron?; **das ...te stimmen** tio eble (verŝajne) estas ĝusta; **es ...te am besten sein** mi opinias, ke estas plej bone; **es ...te bekannt sein** supozeble estas konata; **es ...ten nur zwei Kinder kommen** antaŭvideble venos nur du infanoj; **das darfst du nicht** tion vi ne rajtas fari;

**Durst / über den ... trinken** tro multe (ekscese) trinki; havi iom da vaporo en la kapo;

(*Daŭrigo de paĝoj 12*)

| | |
|---|---|
| *foresta studado* | Fernstudium |
| *kunkomercanto* | Geschäftspartner |
| *komputilo* | Computer |

Oni povas imagi kiom la internacia lingvo povas esti riĉigita per la alporto de ĉiuj popoloj, kaj antaŭvidi ke ĝi evoluos tiom rapide kaj eĉ pli rapide ol la naciaj lingvoj.

Probable la „esperanta korpo" elpuŝos la elementojn ne asimileblajn sub la severa kontrolo de la Akademio kaj retenos tiujn kiuj estas bezonataj kaj taŭgaj. Estas kredeble ke la vortaro de Esperanto grandiĝos kaj transformiĝos kiel cetere la vortotrezoro de la naciaj lingvoj, unuflanke per adopto de novaj terminoj el ĉiuj sferoj de la ĉiutaga vivo, aliaflanke per anstataŭo de certaj vortoj, kiuj ne plu konvenas al la racia lingvouzo hodiaŭa kaj estonta Tiele, kvanto da „malvortoj" suferos eble esti eliminataj aŭ almenaŭ toleros apud si rivalojn kiel ekzemple:

| | |
|---|---|
| *baraĝo* Damm, Schutzwall | *omaĝi* Achtung ausdrücken |
| *basa* tief, niedrig | *orgojlo* überheblicher Stolz |
| *dura* hart | *paneo* (mechanisch) Panne |
| *ensemblo* Ensemble | *pigra* faul, träge |
| *febla* schwach | *povra* arm, unglücklich |
| *frida* kalt | *prizono* Gefängnis |
| *humida* feucht | *promocio* Beförderung, Förderung |
| *kurta* kurz | *softa* sanft, mild |
| *lanta* langsam | *streta* schmal |
| *magra* mager | *tarda* spät |
| *obskura* dunkel | *trista* traurig |
| *olda* alt | *turpa* häßlich |

**La verboj transitivaj kaj netransitivaj**

Uzonte verbon, necesas esti certa pri ĝia karaktero ĉu transitiva ĉu netransitiva. La verbo transitiva ĝenerale postulas komplementon, la netransitiva ne bezonas ĝin.

Ekz..: *La tajloro kudras vestaĵon* (transitiva)
*La infano dormas* (netransitiva).

Kelkaj verboj transitivaj fariĝas netransitivaj kiam oni aldonas la sufikson *iĝ:*

organizi (trans.) *Post sia liberiĝo la ekskolonioj organizis sian ekonomion.*

organiziĝi (netrans.): *En la plejparto de la novaj naciaj ŝtatoj organiziĝis sindikatoj kaj partioj.*

interesi (trans.): *Tiu libro interesas min*

interesiĝi (netrans.): *mi interesiĝis pri tiu romano.*

Kontraŭe oni povas transformi-kie la logiko ĝin permesas-netransitivan verbon en transitivan, aldonante la sufikson

ig: *Mi ne bone dormas dum la nokto (netrans.)*
*La medikamento dormigas min (trans.)*

Konsekvence oni diros: *La ekskolonioj evoluas*, sed ne evoluiĝas. Aŭ: *La evoluinta socia sistemo de la sozialismo*, sed ne la evoluite socia sistemo. La nekompreno pri la karaktero de la verbo kondukas al eraroj: *Pripensi kaj bone organizi ŝparas al ni grandajn elspezojn*, sed ĝuste: *ŝparigas al ni* . . . Aŭ: *Dum la jarcentoj la arkitekturo ŝanĝis, sed ĝuste: ŝanĝiĝis.*

En la pasintaj jaroj ni eldonis kelkajn dokumentojn en Esperanto pri la politiko de nia laborista registaro kaj pri nia Respubliko, kaj kelkajn numerojn de „Paco“ (sen mencii la lernolibron kaj la vortaron). Vi povis konstati ke la komencaj neperfektaĵoj malaperis de fojo al fojo. La eldono de dokumentoj en Esperanto traduko kaj ĝia dissendo en multajn landojn estas unu el niaj ĉefaj taskoj kaj utila afero. Estas nekredeble kiom da personoj en la mondo ne konas aŭ miskonas nian Respublikon kaj ĝian socialan kaj humanisman karakteron. Niaj dokumentoj dissenditaj en fremdajn landojn trafas mediojn kiujn ni kutime ne tuŝas. Plue, per tiu laboro ni tiras la atenton de la aŭtoritatoj sur la utilon de Esperanto. Jam ili ne ignoras nin sed diris al ni: Plibonigu senĉese vian lingvan kvaliton.

Mi ŝatas diri ke nia lasta eldono pri nia Respubliko: „La Germana Demokratia Respubliko, bildoj kaj faktoj“ prezentas konsiderindan kolektivan traduklaboron, kelkaj ĉapitroj devas esti taksitaj kiel majstra laboro.

Resume mi dirus: ke niaj frazoj ne devas esti tro longaj, ke ĉiu vorto devas havi sencon klare difinitan, ke la stilo devas esti flua, ke ni evitu vortomonstrojn kaj ke ni formu nian lingvan sencon per legado de bonaj verkaĵoj precipe de Zamenhof kaj aliaj klasikuloj de Esperanto.

*Vildebrand*

---

**Junularaktivo el Karl-Marx-Stadt invitas**

al semajnfina tendaro, *4. — 6. 9. 1970* apud Karl-Marx-Stadt sur kampadejo Rabenstein.

Ili okazigos tendarfajron kun lardo-bulbo rostado laŭ hungara maniero,
arbarpromenadojn por fungo-amatoroj,
naĝadon kaj sunbanadon por sun-adorantoj, lingvajn ekzercojn por patronaj membroj kaj gesamideanoj, viziton al ercmontara vilaĝ-gastejo por aranĝi mikspotan vesperon. (Inter alie nia ĉefkuiristo preparos la faman hungaran fiŝsupon.)

*Kostoj por tranoktado:* 6.50 markoj en kvarlitaj tendoj jam ekipitaj per gum-matracoj kaj dormsakoj.

*Provianto:* Por tag-kaj vespermanĝo je dispono estas proksima restoracio.

*Kion kunporti:* lanokovraĵon, gamelon aŭ similan, manĝilaron, provianton por matenmanĝoj, ĉiuspecajn muzikilojn.

*Kion fari por aliĝi:* Sendi garantian sumon de 5,— markoj kaj sian adreson al: Deutscher Kulturbund, BAK Esperanto, 90 Karl-Marx-Stadt, Otto-Nuschke-Straße 6

*Lasta tago de aliĝo:* 15. 8. 1970.

*Vojo al la kampadejo:* De la ĉefstacidomo iru al aŭtobuscentro. (5 minutoj) Aĉetu en giĉeto bileton al „Goldener Löwe“ Rabenstein. Uzu autobuson, kiu veturas al Limbach aŭ Bräunsdorf trans Rabenstein, nepre demandu ŝoforon ĉar alia linio veturas alian vojon. Eliru stacion „Goldener Löwe“, tie atendos vin sagoj montrante la 10-minutan vojon.

*Situo de la kampadejo:* En arbar-kaj lagoriĉa regiono.

# El la distriktoj

### Vjetnama vespero Leipzig

Je la 14-1-1970 okazis en la „Klub der Intelligenz", Elsterstr. vjetnama-vespero. Ĉeestis la vjetnamia amiko Ju kaj la juna amikino Na kun sinjoro Paul kiel estro de la instituto por eksterlandaj gestudentoj en Lumumbastrato. Amiko Ju ekde 4 jaroj troviĝas en nia respubliko. Li perfekte parolas la germanan lingvon. Fraŭlino Na ankoraŭ studas la germanan lingvon. Amiko Ju studis la produkcian proceson en ĉiuj sekcioj de la VEB Druckmaschinenwerke. La kolektitajn spertojn li uzos ĉe rekonstruo en sia hejma lando. Li raportis, ke en aĝo de 17 jaroj (nun li havas 37 jarojn) ĉe la armeo kontraŭ la tiutempe francaj imperialistoj komencis lia alfabeteco. En rapida kleriĝado li poste sukcesis fari abiturion kaj poste dum 5 jaroj studi kiel inĝeniero. Dum la usona invasio li denove libervole anoncis sin al la liberiga armeo. Sed li poste ricevis la komision, studi en nia ŝtato.

Amiko Ju tre konkrete raportis pri la malfacila vivo de la vjetnamia popolo dum la invasio.

Li citis, ke depost 28 jaroj en Sudvjetnamio eĉ ne estis unu tago de paco.

La tre interesan raporton sekvis vigla diskuto rilate ĉiuj demandoj de la nunaj vivcirkonstancoj en Vjetnamio kaj koncerne la grandaj oferoj kaj oferpreteco de la vjetnamia popolo, por akiri liberon.

Al la ĉeestantaj 27 geesperantistoj tre plaĉis tiu vespero, ili havis multege da demandoj al nia vjetnamia amiko. Bedaŭrinde 8 junaj esperantoamikoj preferis, en alia ĉambro de la sama klubdomo trakti sian certe ne tiom gravan programpunkton. Ni kolektis tute spontane 75,— markojn por Vjetnamio.

*Elsa Gruhle, Leipzig*

### Schwerin

En niaj klubvesperoj ni povis aŭdi en la monato februaro du interesajn paroladojn. Parolis nia samideanino D-rino Spiegelberg en Esperanto pri ŝia vojaĝo al Kubo. Ŝi montris tre belajn memfaritajn kolorajn diapozitivojn kaj parolis tre interese pri lando kaj homoj. Sonbendparolado kun tre bonaj kolorfilmoj de Hugo Krausz, Vieno gvidis nin en la Esperanto-kampadejon Primoŝtono en Jugoslavio. Ankaŭ nia karnevalo faris al ĉiuj gepartoprenantoj multan ĝojon. La horoj forpasis tro rapide ĉe danco kaj amuzo. *J. Thormann, Schwerin*

### Pirna

Im Februar 1970 konnte ich an einem sehr guten Klubabend der KAG Pirna teilnehmen, der einem Erfahrungsaustausch diente und sehr gefällig mit einigen Esperanto- und Volksliedern durch den DKB-Kreissekretär, Bdfrd. *Vollbrecht* und seiner Frau, eingeleitet wurde. Die KAG Pirna arbeitet aktiv und hilft auch den Orten *Heidenau* und *Sebnitz.* Auf Initiative des Bdfrd. *Helmut Fuchs* veröffentlichten verschiedene Zeitungen längere Artikel über Esperanto.

Auf Anregung der Gruppe plant der BAK Dresden die Organisierung einer **10tägigen Esperanto-Touristenreise** (Sommer 1971) **in die SU** (Riga, Leningrad, Moskau). Interessenten aus anderen Bezirken (auch mit Familienangehörigen) melden sich bitte schon jetzt beim **BAK Dresden, 8053 Dresden, Goetheallee 37.** *Rudi Graetz*

# El la distriktoj

## Zweites Bezirkstreffen der Dresdener Esperantisten

„Esperantistoj estu bonvenaj!"

grüßte ein Transparent am Elbufer von Rathen die Esperantofreunde, die trotz des für die Jahreszeit viel zu kalten Wetters zu ihrem zweiten Treffen erschienen waren. Das Programm war sehr gedrängt. Bdfrd. Rudi Graetz, der Vorsitzende des Zentralen Arbeitskreises Esperanto gab einen interessanten Überblick über das, was die Esperantofreunde im Deutschen Kulturbund bisher erreicht haben und zeichnete eine interessante Perspektive für die Zukunft.

D. Blanke sprach über die Haltung der DDR-Esperantisten zu einigen internationalen Organisationen, sowie über Fragen der Worttheorie. Eine interessante Einheit bildeten die Vorträge von R. Graetz „Die VAR" (Lichtbilder) und von Fregattenkapitän Dr. Steigleiter über die Hintergründe der Israel-Aggression. Höhepunkt des Treffens war die Vorführung von drei Esperanto-Tonfilmen, unter ihnen ein Dokumentarfilm über Lenin. Leider waren zu wenig jugendliche Esperantisten auf dem Treffen. Warum eigentlich? Umso lebhafter wurde die Kindergruppe des Riesaer Arbeitskreises begrüßt, die Proben ihres sprachlichen Könnens abgaben und Lieder sangen. Im nächsten Treffen muß unbedingt mehr Zeit für Exkursionen und gesellige Unterhaltung sein.

Lenin ehren, so betonte der 1. Bezirkssekretär des DKB, Bundesfreund Hempel, heißt, die Plansprache Esperanto zur Stärkung der Republik und damit im Dienste des Friedens nutzen.

*Partopreninto*

## Lenin-renkontiĝo en Werdau

Okaze de 100-jara naskiĝtago de Lenin k-do Kurt Heeg invitis al Lenin-solenaĵo al Werdau. Sabaton, la 18-an de aprilo, ankaŭ leipcigaj amikoj sekvis la inviton. En klubejo Joh.-R. Becher la Soleno komencis je la 17-horo.

Post salutvortoj de k-do Heeg, de reprezentantoj de Kulturligo el Werdau kaj de la distrikta sekretario Schwarz ni aŭdis interesaĵojn el la vivo de Lenin. Rapide pasis la tempo. Post informo de k-do Löwe/ Leipzig pri aventura vojaĝo al la Leningrada. E-kongreso en jaro 1926, k-do Erich Würker prezentis multvalorajn diapozitivojn pri la nuna Sovetunio.

Partoprenis 55 esperantistoj el 7 lokoj. Monkolekto por la malsanulejo „Viet Duc" en Hanojo rezultis 57 g. m. Post la vespera paŭzo ni aŭdis sonbendojn pri "-kantoj kaj dancaj melodioj. Nun la junularo eluzis la okazon kaj sportis uzante la danc-gambojn.

Dimanĉon matene niaj gastigantoj vidigis al ni la Sportlernejon por „kvalitsportuloj" (= Leistungs-Sportler). La estro tre favoris nian lingvon. Ni ankaŭ ĝuis specialaĵojn en la Loka Muzeo. La gvidisto tre lerte atentigis nin pri la diferenco de la iama kaj nuna tempo. Ni deziras al la favora grupo Werdau plenan sukceson.

*Erich Löwe, Leipzig*

**Traduku!**

Tradukoj de noveloj kaj rakontoj ne tro longaj el nia moderna literaturo estas bonvene akceptataj, same satiroj kaj poemoj.

*Red.*

**Oficialaj poŝtaj stampoj en aŭ pri Esperanto**

Entute ekzistis 1. 1. 1970: 342 el entute 24 landoj (Sen nuancoj de ciferoj, literoj, diversaj datoj, urbo de apero).

Laŭ la speco ekzistas: normalaj datstampoj, maŝinstampoj, senfinaj maŝinstampoj, ornamaj apudstampoj, afrankostampoj, 1 rekomenditastampo, „T. P.“ (Taxa Paga)-stampoj kaj presitaj stampoj.

Laŭ la okazo de apero:

| | |
|---|---|
| Universalaj kongresoj | 50 |
| SAT-kongresoj | 28 |
| IFEF-kongresoj | 17 |
| TEJO-kongresoj | 6 |
| Katolikaj kongresoj | 4 |
| Naciaj E-kongresoj | 132 |
| E-kunvenoj, tagoj, tendaroj | 36 |
| Jubileoj de Esperanto, E-movado, E-asocioj kaj -kluboj kaj aliaj okazoj | 50 |

La unua stampo: okaze de la 8a UK en Krakow 1912 (Aŭstrio)

Plej raraj stampoj: Paris 1914 (10a UK) = 2 stampoj konataj
Roma 1935 (27a UK) = 2 stampoj konata
(ornama apudstampo, trovita 1967)

Plej strangaj okazoj: 104a naskiĝtago de Zamenhof
47a mortotago de Zamenhof

Ankaŭ-stampo: „Libera Teritorio Rozinsulo“ (privata faraĵo)

Plej multaj stampoj aperis en Pollando: 74
(kun nuancoj de datoj k urboj ĉirkaŭ 140)

El la 74 stampoj aperis 70 stampoj ek de la jaro 1959. Tiun inundon kaŭzis la fakto, ke en Pollando ĉiu privata persono povis mendi ĉe la poŝto poŝtan stampon, se li pagis la poŝtan stampon (proksimume 10. – g. m.) Ek de la jaro 1969 tio jam ne plu estas ebla.

**Oficialaj kaj duonoficialaj poŝtaj tutaĵoj** en aŭ pri Esperanto Entute ekzistis 1. 1. 1970: 640 el entute 10 landoj.

**Poŝtmarkoj kun Esperantoteksto**

Entute ekzistis 1. 1. 1970: 48 el 10 landoj
El ili 2 estas poŝtmarkoj kun apuda talono sur kiu troviĝas la teksto. (Bavario 1911, 5 Pfennig Luitpold „Esperanto München“ kaj ĈSSR 1967, 5 Kĉs PRAGA 68 „Tutmonda Ekspozicio de Poŝtmarkoj“).

**Esperanto-filatelistoj**

Ili sin okupas pri kolektado de supre menciitaj poŝtaĵoj. Ili eldonis katalogojn pri E-filatelaĵoj kaj E-glumarkoj. En preparo estas Plena Ilustrita Katalogo de poŝtaj stampoj, ĝi enhavas informojn kaj bildojn pri ĉiuj ĝis nun konataj stampoj (1. 1. 1970). Tiu katalogo aperos en GDR.

# El la distriktoj

## Internationales Esperantisten-Messetreffen

Am internationalen Freundschaftstreffen im Klub der Intelligenz, das am 7. März stattfand, nahmen gegen 100 Esperantisten teil. Trotz Reiseerschwernisse waren rechtzeitig auch 7 Esperantofreunde aus Holland, ČSSR, Bulgarien, Polen und Ungarn in Leipzig angekommen.

Alle Teilnehmer, auch aus Nachbarbezirken, wurden für die Reisestrapazen entschädigt. Nach Begrüßung durch Freund Walter Dietze führte unsere Jugendfreundin Regina Boas in charmanter Weise durch das Programm. Alle Darbietungen des Handharmonika-Orchesters, unter Leitung von Erich Linke, der Gymnastikgruppe aus Großpösna, Rezitationen und Esperantolieder, wurden begeistert applaudiert. Allen Mitwirkenden herzlichen Dank!

Anschließend saßen Esperantisten der DDR noch längere Zeit bei angeregter Unterhaltung mit ausländischen Gästen zusammen. Unser Messetreffen war eine Demonstration der sozialistischen Kultur in der DDR und der Völkerfreundschaft.

Mortis la 4-an de februaro 1970

**k-do ERNST ENDLICHER**

aktiva laborista esperantisto, membro de la antifaŝista „Komitato Libera Germanio".

Honormemoron al li.

DLR Suhl

CLR

## In Bautzen wird gearbeitet

Am Sonntag, dem 21. 12. 1969 fand in Bautzen eine Zamenhof-Ehrung mit gleichzeitigem Vietnam-Appell statt, auf der die 16 anwesenden Mitglieder durch den Verkauf der Broschüre „GDR — faktoj kaj bildoj" 64 Mark für die Aktion „Krankenhaus Viet-Duc" übergeben konnten.

Am Sonnabend, dem 17. Januar 1970 veranstaltete der Deutsche Kulturbund, Ortsgruppe Wilthen, einen Lichtbildervortrag „Mit Esperanto um die Welt". Die Vorsitzende der KAG Bautzen, Bdfrdn. *Knöschke,* gab einen kurzen Einführungsvortrag über die Bedeutung des Esperanto und seine Stellung in der Deutschen Demokratischen Republik.

Bundesfreund *Klötzer* führte Diapositive aus fünf Erdteilen vor. Zu diesem Vortrag waren über 50 Interessenten erschienen.

Die KAG Esperanto steht in Verbindung mit einer Esperantogruppe in Barnaul, Sibirien. Auf Wunsch der sowjetischen Freunde wurden in Zusammenarbeit mit dem Zeichenzirkel des Pionierhauses Kinderzeichnungen aus der DDR übersandt, die sämtlich in Ausstellungen in mehreren Städten Sibiriens gezeigt werden. Die KAG erhielt als Gegengeschenk eine Mappe mit Kinderzeichnungen aus dem Lande Lenins, die zur Ausschmückung von Leninausstellungen anderer Arbeitsgruppen des Deutschen Kulturbundes bereitgestellt werden.

*L. Knöschke, Bautzen*

**Dum la lastaj monatoj mi ricevis amasojn da leteroj, por kiuj mi deziras danki al la sendintoj. Bonvolu pardoni, se nur iom post iom mi povos respondi al ĉiu. Rudi Graetz**

# El la distriktoj

## Revo iĝis realo

*Sub tiu titolo nin atingis interesa letero de k-do Ewald Nier pri lia vojaĝo al Taŝkent· Jen eltiroj.*

Multon mi estis leginta pri Taŝkent, urbo oaza, kun interesaj historio kaj homoj. Kun unu el ili mi korespondas *Petro Poliŝĉuk* kune kun k-do Rudi *Weiß* mi flugis al Taŝkent. Kaj tie, kompreneble, renkontis lin, nian karan amikon Petro. Kaj bone ni interkompreniĝis. Mi ĝuis la fabelon de mil kaj unu nokto. 6000 km for de mia hejmvilaĝo, sidante kune kun mia soveta amiko en Taŝkent, mi, ido de kamplaboristo, ĉion komprenis dank' al Esperanto. Jam mateniĝis kiam ni disiris. La sekvantan tagon mi vizitis la laborejon de Petro, la televidstacion. Kiel inter bonaj amikoj mi sentis min tie. Pri multo ni parolis, pri politikaj demandoj, pri laborkondiĉoj, pri Esperanto.

Bonaj simplaj sovetcivitanoj, edukitaj de la socialismo. Mi dankas al ili pro tiu vizitpermeso kaj granda bonkoreco. Vivu germana-soveta amikeco! Por mi neforgesebla!

## Ekzameno por kursfinintoj gvidis s-ro Dieter Bernd

La Esperanto-kursn en Berlin-Lichtenberg, kiu finis dum la somero 1969 kun ekzameno libervola, partoprenis 15 kursanoj. Oni havis skriban kaj buŝan ekzemenpartojn. Estis la tasko, korekte traduki tekston de germana lingvo esperanten. En la buŝa parto oni devis respondi diversajn demandojn kaj klarigi kelkajn gramatikajn problemojn. Ĉiu ekzameninto ricevis oficialan atestilon. Jen pripensinda ekzemplo por aliaj kursoj.

## Terminarkomisiono

Ĝia tasko estas helpi niajn Esperantistojn pri eltrovo de taŭga esperanta vorto por ĉiuj nocioj kiuj naskiĝas en nia vivo kaj lingvo. Ni akcentas ke ni nur volas proponi, neniel dekreti.

Tamen atingas nin kelkafoje demandoj pri traduko de vortoj devenantaj el la vulgara lingvaĵo de certaj tavoloj de la popolo, dialektoj aŭ ĵargonoj. Aliaflanke, por esprimoj kies uzado estas limigita regione, oni demandas korektan ekvivalenton. Tio ne estas nia celo kaj cetere superas nian kompetentecon. Ni klopodas paroli la oficialan literaturan lingvon komprenebla al la esperantistoj de ĉiuj landoj kaj ne aventuros en la traduko de vortoj el regionaj dialektoj.

*Vildebrand*

## Poemaro de Petöfi en Esperanto

Fine de la nuna jaro aperos en Esperanto „Libero kaj Amo“, elektitaj poemoj de S. Petöfi — la plej eminenta hungara lirikisto — en traduko de D-ro K. Kalocsay.

Petöfi naskiĝis en 1823 kaj mortis en 1849. Liaj flamoplenaj kaj patriotaj poemoj estas mondkonataj kaj tradukitaj en ĉiujn lingvojn.

Multaj liaj poemoj aperis en „Hungara Antologio“: lia popolfabelo „Johano la brava“ estis presita en tri eldonoj.

En la antaŭparolo D-ro Kalocsay skizas la vivon de Petöfi kaj la zorgojn kaj sekretojn de la tradukarto.

La eldonisto estas la Firmao Corvina, kiu jam publikigis plurajn librojn en Esperanto, inter alie la „Tragedio de l'homo“ de I. Madách, en 1966. Kunlaboris al la eldono Hungara Esperanto-Asocio kaj la Instituto de Kulturaj Interrilatoj.

# LA JUNA ESPERANTISTO

**Diskuto pri ni**

A. Mi konstatis sur diversaj lastaj esperantistaj renkontiĝoj, ke regis meza kaj, precipe, pli alta aĝo. Ĉu entute mankas junuloj en niaj grupoj?

B. Nu, ili ne tute mankas. Ekzistas viglaj, saĝaj kaj aktivemaj junuloj. Sed ni ne ĉiam komprenis akceli ilin, aktivigi ilin. Precipe ni ne ĉiam komprenis, bedaurinde. ke en la centro de niaj klopodoj devos stari la junularo, se ni volas malebligi naturan morton de niaj grupoj.

A. Ĉu la junuloj izoliĝas de la rutina grupa vivo, se jes, kial?

B. Bedaŭrinde plej granda parto de la junuloj ne partoprenas la grupvesperojn. En kelkaj malmultaj lokoj ili kunvenas aparte, sed en la plej multaj okazoj ili izoliĝas malaktivante.

A. Kiu kulpas pri tio?

B. Ĉu kulpo de la junuloj, ĉu de la veteranoj ne facile direblas. Sed la fakto de ilia malĉeesto restas. Tial — sendispute — la veteranoj devas ebligi al la junuloj enhejmiĝon. La sinteno: la junuloj devas veni al ni, ni estas la vivospertoriĉaj instrukapablaj — tiu sinteno estas akre malĝusta.

A. Do vi pensas pri generacia konflikto?

B. Tute ne. Tia nesolvebla konflikto ne ekzistas. Sed ekzistas, tro ofte oni emas tion ignori, tre diferencaj interesoj, kondutmanieroj, temparamentoj, kutimoj inter junuloj kaj pliaĝuloj (kiuj en esperanta rondoj estas sufiĉe „pli aĝaj"). Tial oni nepre devas ebligi, eĉ instigi, la organizon de pure junularaj aranĝoj. Aranĝoj sen kuratelo de la maljunaj, sen patroneco, sen, sen — — —

Estu do dancvesperoj, estu do spritaj ekskursoj, viglaj kaj amuzaj. Ankaŭ flirti kaj trinki ion ne estas krimo, eĉ da biero . . .

A. Do vi, pensas pri apartaj junulaj grupoj?

B. Tute ne, sed pri apartaj junulaj aranĝoj sub la gvido de spertaj kaj kapablaj junaj esperantistoj. Kompreneble la kontakto al la grupestraro kaj la tuta grupo estu certigata. Aranĝo de apartaj kunvenoj, kie oni aparte ekzercas la akuzativon certe estus sensenca. Sed la junularo bezonas iam memstarecon, iun sian propran medion. Per tiuj apartaj junularaj esperanto-aranĝoj reekestos la intereso por uzi kaj ekzerci la lingvon propramaniere, junulamaniere, por tiel diri. Certe la vizito de vere interesaj gravaj grupvesperoj pliboniĝus konsiderinde.

# DISTRO

| | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | | 3 | 4 | ■ | 5 | 6 | | 7 | |
| ■ | | ■ | 8 | | | | | ■ | | ■ |
| 9 | | 10 | | | ■ | 11 | | 12 | | |
| 13 | | | | | ■ | 14 | | | | |
| 15 | | | ■ | 16 | 17 | | ■ | 18 | | 19 |
| | ■ | | ■ | ■ | | ■ | ■ | | ■ | |
| 20 | 21 | | ■ | 22 | | 23 | ■ | 24 | 25 | |
| ■ | 26 | | 27 | | ■ | 28 | 29 | | | |
| 30 | | | | | ■ | 31 | | | | |
| ■ | | ■ | 32 | | | | | ■ | | ■ |
| 33 | | | | | ■ | 34 | | | | |

r = radiko sen finaĵo

**Horizontale:** 1. moka dirmaniero (r); 5. krii kiel kokinoj; 8. impresi flarsenton; 9. homo; 11. la tuta militistaro de iu ŝtato; 13. remaĉanta mamulo vivanta en Azio kaj Afriko (r); 14. ŝipeto (r); 15. operkanto (r); 16. multvalora metalo; 18. malgranda angla mezurunuo de peso (r); 20. nedifinita persona pronomo; 22. membro; 24. moviĝi de iu loko al alia; 26. pozitiva elektrodo (r); 28. arĝentbrila metalo (r); 30. zigzaga observa marveturo; 31. virseksa infano; 32. parto de la kapo; 33. muzika blovinstrumento; 34. genro de parazitaj dipterioj (r).

**Vertikale:** 2. aparato por malkovri malproksimajn objektojn per reflektiĝo de elektromagnetaj ondoj (r); 3. adverbo servanta por pli preciza difino; 4. persono honorata per kulto; 5. dekpieda markrustulo; 6. itala monero; 7. skribilo farita el kalko; 9. malgranda insekto, kiu kaŭzas la skabion; 10. amika persono; 12. malforta, delikata; 17. amfibia, saltanta besteto (r); 19. boraparato; 21. bonodora substanco; 22. respekto, honorego; 23. parenco; 25. redoni frapon (r); 27. densigita stato de oksigeno (r); 29. estaĵoj de idonaska sekso.

---

## Solvo de la krucenigmo el nro 38/39

**Horizontale:** 1. paca; 4. ungo; 7. ankri; 10. arsenal; 12. mel; 14. oro; 15. edz; 17. ekip; 19. scio; 20. rara; 21. laik; 22. rano; 24. poto; 26. unc; 27. ile; 29. nit; 30. oktanto; 33. raguo; 34. bril 35. ilar.

**Vertikale:** 2. car; 3. anso; 4 urno; 5. nia; 6. arme; 8. kero; 9. bazo; 10. alianco; 11. leciono; 13. ekran; 16. dikti; 18. pro; 19. sap; 22. runo; 23. flag; 25. otit; 27. ital; 28. enui; 31. kri; 32. tol.

---

A. Kiel do komenci la laboron kun la junuloj laŭ via propono?

B. Ĉiujn junulojn en distrikto aŭ subdistrikto oni invitu flanke de la grupestraro al diskuto (eble ĵam kun muziko, ĉu ne) pri eblaj estontaj aktivecoj. Sed estu, se eble ne 10 veteranoj kaj 2 junuloj, sed inverse. Kaj kial ne organizi sur distrikta aŭ plurdistrikta ebenoj, junulojn semajnfinojn? Tamen receptojn mi ne povas doni. Sed okazi devas io, nepre.

A. Mi dankas pro viaj ege saĝaj vortoj, ĉu vi malkaŝus vian aĝon?

B. Formalisto vi estas.

# INFORMOJ

**Pen honoris Esperanto-verkiston**

La Hungara PEN-Klubo prezentis honor-medalon al la „vivanta klasikulo" de la Esperanta literaturo, d-ro Kálmán Kalocsay. Per tiu honorigo ĝi rekonis la grandan kaj multjardekan laboron de d-ro Kalocsay, kiu per majstraj tradukoj diskonigis la hungaran literaturon en Esperanto tra la tuta mondo. La solenaĵo okazis en la domo de Asocio de Hungaraj Verkistoj. La medalon transdonis la prezidanto de tiu Asocio, konata hungara verkisto László Passuth. Pri la tutviva verkado de Kalocsay parolis redaktoro de „Hungara Vivo", s-ro Mihály Gergely. Sekvis deklamado el diversaj tradukoj de Kalocsay, kaj fine la virina horo de Hungara Esperanto-Asocio prezentis kantojn en Esperanto, inter-alie de Palestrina.

D-ro Kalocsay, membro de la Akademio de Esperanto fariĝos 80-jara en 1971. Li ankoraŭ laboras senlace sur la kampo de la Esperantaj literaturo kaj lingvistiko, tradukante kaj re-tradukante ĉef-verkojn el la literaturo hungara kaj alilanda kaj partoprenante aktive en la laboroj de la Akademio.

**Estonaj lernejoj ekpermesis Esperanton**

Tallin: — La Ministerio de Klerigo de Estona SSR ekde la nuna lernjaro permesas la instruadon de Esperanton en la okaj klasoj de la lernejoj de tiu balta respubliko. La decido sekvas similan paŝon en najbara Litovio, kie lastjare 19 lernejoj ekinstruis Esperanton.

**Ferio ĉe la Balaton-lago**

Tuj antaŭ Universala Kongreso en Vieno, de la 17-a ĝis la 30-a de julio 1970, okazos en Balatonszemes (Hungarujo) la 2-a Internacia Balatona Esperanto-Ferio.

La dusemajna kotizo estas 1050 forintoj; ĝi inkluzivas la programon, loĝadon en 2-3-litaj ĉambroj, tagmanĝojn kaj enirbileton por la strando. Komunaj maten-kaj vespermanĝoj kostas 380 forintojn.

Por informoj skribu al: Hungara Esperanto-Asocio, Kenyermezö utca 6. I, Budapest VIII.

**Ferioj en Miedzygorze/Pollando**

Ne plu necesas reklamo de tiu ĉi unika feria kampadejo, ĉijare funkcianta de 18. 9. — 1. 10. 1970. La kosto por 2 semajnoj, ĉion inkluzivante, estas 322 markoj (1530 zloty).

Aliĝiloj de PEA, Wroclav 19, poŝtkesto 6, str. Dubois 3.

**„El „Hungara Vivo" 3/1969**

Ni descendu la „eburan turon" de komforta izoliteco! Ni ne fermu nin en klubojn babiladajn, asocietojn silentajn!

Ŝajnas post la supre dirita, ke laŭ mia opinio renoviĝo estas bezonata nur en la movado, en la sinteno de esperantistoj kaj la lingvo mem ne gravas. Ne temas pri tio. Kontraŭe. Mi ĉiam kaj ĉie emfazs, ke Esperanto, antaŭ ĉio, estas lingvo, internacia lingvo, laŭ esperantistoj la plej taŭga ilo por internaciaj kontaktoj. Ĉi tion ni devas klarigi al la homoj, precipe al gejunuloj, per en la 20-a jarcento modernaj metodoj.

La unua, la plej grava metodo estas: *ni esperantistoj lernu kaj parolu Esperanton perfekte. Per bona lingvoscio ni devas demonstri al simpatiuloj kaj nekreduloj, ke Esperanto estas facile lernebla kaj fruktodone uzebla. Kiel ofte ni balbutas! Ni ne balbutu! Ni lernu!*

*(Gábor Vigh, Sekcioestro de la Hungara Instituto Por Kulturaj Interrilatoj)*

**Honore al la nacia festo de GDR**

En la klubejo de la kulturagantoj la esperantistoj de Ŝumen solene celebris la 20-jaran datrevenon de la fondiĝo de GDR.

Raporton pri la ĉiuflanka progreso de la nuna laborista-kamparana germana ŝtato faris la prezidanto de la societo k-do At. Bojaĝiev. Li detale priskribis la longjarajn amikajn rilatojn, kiuj ekzistis inter la ŝumenaj esperantistoj kaj la esperantistoj de Leipzig, Dresden, Halle, Rostock, Werdau kaj aliaj urboj kaj vilaĝoj de GDR. Honore al la 20-jara jubileo la ŝumenaj esperantistoj sendis multjan leterojn al siaj germanaj amikoj, dezirante sincere al ili estontajn sucesojn en la konstruado de l'socialismo kaj plifortigo de la paco.

Impresojn pri siaj vizitoj en GDR kaj gastado ĉe korespondamikoj rakontis Cv. Stojanov kaj d-ro Ilkov.

**Radio Sofio**

Radio Sofio disaŭdigas en Esperanto ĉiudimanĉe de la 20.05 ĝis la 20.30 h. laŭ la horzono de Greenwich je kurtaj ondoj 50.62 m. aŭ 5920 k. c.

La elsendo estas ripetata la saman vesperon je la 23.30 h. ĝis 23.55 h. laŭ la sama horzono je kurtaj ondoj 31.38 m. kaj 49.42 m. aŭ 9560 kaj 6070 k. c.

La aŭskultantoj estas petataj per letero informi la Esperantan Redakcion pri la aŭdebleco de la elsendoj, esprimi sian opinion pri ilia enhavo kaj adresi al ĝi siajn valorajn rekomendojn al adreso: Esperanta Redakcio. Radio Sofia — Bulgario.

**Hungario**

3-a Internacia Renkontiĝo de Esperantistaj Naturamikoj (3-a IREN) okazos de la 18-a ĝis la 28-a de julio 1970 en la unuaranga internacia kampadejo ce ABALIGET, Hungario.

La **Programo** enhavas perpiedajn ekskursojn sur la montaro Mecsek (Mecek), kaj en la stalagmitgroto ĉe la kampadejo.

La **kotizoj**, enhavanta la kostojn de la loĝado kaj la trifojan manĝadon tage, la ekskursojn kaj la distrajn programojn de la vespermanĝo la 18-an ĝis la tagmanĝo la 28-an (inkluzive) estas popersone en hungaraj forintoj 720—1000.

Eksterlandanoj povos pagi ankaŭ post la alveno. Aliĝilojn je peto sendas kaj akceptas: Teritoria Komitato de HEA, PECS 1, pf. 2.

* * *

**Esperanto — diskokurso**

Aperis bonega Esperanto-lernolibro de *Andrzej Pettyn* kun kvar diskoj. La kompleta kurso bonege taŭgas ankaŭ por instruado en niaj grupoj. Mendeble ĉe Polnisches Kulturzentrum, 108 Berlin, Friedrichstraße 103 oder 701 Leipzig, Am Brühl 9. La kurso kostas 60,— Recenzo aperos. D. B.

**Gravaj dokumentoj**

La Komisiono de sovetaj esperantistoj ĵus eldonis en Esperanto du el la plej gravaj dokumentoj de la Interkonsultiĝo de la komunistaj kaj laboristaj partoj en Moskvo 1969. Havebla ĉe CLR.

# KORESPONDDEZIROJ

## Bulgario

14 novaj esperantistoj dez. koresp. kun germanaj geamikoj pri div. tem. Esperanto-societo „Leono", v. **Momina Klizura,** okr. Pazarov.

Oficistino, 22jara, dez. koresp. Elenka Geordieva, ul. Levski 17, **Vidin.**

Oficistino, 22jara, dez. koresp. Velika Filipova, Jane-Sandanski 3, **Vidin.**

Oficistino, 21jara, Anka Viktorova, ul. Canko Carkovski 2, **Vidin.**

Oficistino, 20jara. Nevena Oekova, ul. Ivan Straimir 2, **Vidin.**

Oficistino, 23jara, Margareta Vanĉeva, ul. Perĉ Jordanov 25, **Vidin.**

## ĈSSR

Pri filatelaj interŝanĝoj Vlada Hasala, S.K.N. 37 **Hodonin.**

Pri vegetaranismo E. Vana, **Dudince,** okres Zvolen, Slovakio.

15 gejunuloj petas skribi laŭ la devizo „per esperanto por mondpaco". Adreso: Anna Musilova, Leninova 467, **Podebrady.**

## Hungario

Senpaga gastigo, interŝanĝe, Magyar Esperanto Szövetseg Vasutas Szakcsoportja, **Kiskunhalas.**

8–12jaraj gelernantoj de ĝenerala lernejo dez. koresp. Johano Ingusz, Tomori 2, **Budapest XIII.**

Gabrielo Krerenyi. 15 jara, **Szeged,** Huyadi 41 dez. koresp. kun DDR-samaĝuloj.

## Japanio

Lernanto de mezlernejo dez. koresp., kol. pm kaj bk, ŝatas belliteraturonklasikan muzikon. Hiroko Ogiwara, 194 Sasanodai Asahi-ku, **Yokohama,** 241 Japanio.

## Novzelando

Serĉas germanan filateliston por interŝanĝi uzitajn pm, unuatagajn kov. kaj „cancelled to order"-markojn. Clifford H. Brown, Poŝtkesto 17511, Sumner 8, **Christchurch.**

## Pollando

Studento 20jara, dez. koresp. prinaturo, botaniko, turismo, kol. bk gramofondiskoj. Wojciech Szwed, **Poznan 2,** ul. Greniena 6 m 8.

Lernanto 18jara, kol. disk., bk. pm., interesiĝas pri moderna muziko, filmo, vojaĝoj. Marian Pieniek, **Kamien Pom.** ul. Lenina 1 m 8, woj. Szczecin.

12–17jaraj infanoj en rondeto ĉe porinfana Sanatorio, ul. Polanki 119/121, **Gdanks-Oliva.**

Studento de fremdaj lingvoj dez. koresp. en Espo, ruse, germane, hispane pri turismo, psikologio, moderna muziko. Andrtej Pawlak, **Warszawa 22,** al. Zwirki i Wiguri 97/99.

Junulo 19jara dez. koresp. pri matematiko, Tadeusz Pankowski, **Matachowa 3,** p-ta Witkowo, pow. Gniezno.

17-a licea lernanto pri matematiko, muziko, filmo, filatelo, Marian Mrozek, **Krakow.** ul. Krupnicza 8/1.

En germana lingvo aŭ en Esperanto kun 20-aĝuloj, bk, pm, Eugenie Ulanowska, **Zielona Gora 5,** skr. p. 24.

20jara studento de teknika ekonomio, Petro Szyjkovski, **Torun,** Szaso Lubicka 75 a.

Piano-instruistino, Nina Klodas, **Orla 40,** Pabianice.

22jara junulo, Stanislao Zajac, **Sosnoviec,** str. Kosztanova 3.

Teknikisto 20jara, Jozef Roman Maksymiak, **Ciechomice 38,** p-ta Wrzaca, pow. Stupsk, woj. Koszalin.

## Sudano

Kuracisto dez. koresp. kun geesperantistoj tutmonde precipe en GDR pri div. tem. Dro Abdel Gadir Mishaal. P.O. Box 915 **Khartoum.**

---

Herausgeber: Deutscher Kulturbund (Zentraler Arbeitskreis Esperanto der DDR). Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstraße 60. Fernruf: 22 59 91.
Veranwortl. Redakteur: Eugen Menger.
Redaktionskommission: Otto Bäßler, Detlev Blanke, Dr. Hans Eichhorn, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Rainer Knapp, Willi Vildebrand.
Veröffenlicht unter der Lizenznummer 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf. – Druck: Druckwerkstätte Glauchau Julius Pickenhahn KG III-12-8 503-70